# AFRIKA REVUO

## ENHAVO






LA SOLA E. GAZETO,
APERANTA EN AFRIKO
*3-a jaro (nova serio) 1-a N°*
*JANUARO 1947.*

REDAKCIO kaj ADMINISTRACIO de :

**AFRIKA REVUO**

Maroko, Casablanca, 5 rue Savorgnan de Brazza

Cef-Redaktoro **Irène FINK.** Administranto **Y. LEAL.**

Kunlaborintoj dum 1946 jaro

J. Atencia, Casablanca. — J. Bayard Francujo. — L. Beoletto, Francujo. — R. Milon, Francujo. — Y. Leal Maroko. — L. Thevenin, Francujo. — Rodo, Francujo. — M. Moindrot, Francujo. — D-ro A. Mildwurf, Londono. — G. Radov, Bulgarujo. — J.H. Fazel, Usono. — P. Carriere, Algerio. — Y. Armony, Palestino. — Prof. L. Apcher, Maroko. — J. Sune, Maroko. — F.M. Costa, Angola. — E. Matwiejczuk, Polujo. — Hon-Fan, Cinujo. — J.V. Wijngarden, Nederlando. — Bachofner, Nederlando. — B.S. Ohana, Maroko. — K. Porespo, Portugalujo. — D-ro Gonzales, Argentino. — A. Govallo, Austrujo. — Lucien Sauvage, Germanujo. — G. Chotoff, Palestino. — T. Pentlebury, Anglujo.

## PAGTABELO

La abonkotizo por unu jaro estas de 6 ang. sil. aŭ egalvaloro en aliaj valutoj. Ni akceptas ankaŭ internaciajn postajn resp.-kuponojn (15). La monon se eble sendu direkte je nia adreso. El landoj, el kiuj oni ne povas sendi monon, pagu al cef-delegito de I.E.L. en via lando.

## LIBRO-SERVO DE A.R.

Kun la mendo bv. sendi koncernan monon. Pagu per mono papera sendebla en letero ; per internaciaj postaj resp. kuponoj aŭ rekte je nia postcekkonto nº 111.75 Rabat (Fink).

Aldonu 10 % por sendkostoj aŭ 15 % kun rekomendo. La int. resp-kup. devas esti guste stampitaj. Pro ofte sangataj kursoj, ni donas la prezojn en angla monsistemo : 1 silingo 12 pencoj. 20 sil. 1 funto. Unu silingo valoras 24 fr.

## JEN LA LISTO DE LIBROJ NUNE HAVEBLAJ CE NI

| | s.p. |
|---|---|
| Slosiloj angla, hispana, sveda, sudafrika Esperanto po | 2 |
| norvega, franca, dana, bulgara | 3 |
| germana, portugala | 4 |
| araba | 6 |
| Esperantismo : I. G. Braga | 6 |
| La Esperantista Literaturo M. de Waard | 2.6 |
| La esperantista studrondo A. Hasle | 6 |
| La esperanto-Klubo E. Malgren | 1. |
| Kvindekjarojn kun Paul Nylen (ilustrita) | 3. |
| Per kio ni amuzu nin ? Rosen-Malmgren | 1. |
| Vivo de Zamenhof Privat (ilustrita) bind. | 4.6 |
| Aŭstralio Delsudo k. Laiho (ilustrita) bros. | 5. |
| Barbro kaj Eriko | 1. |
| Batalo pri la domo Heikkila | 6 |
| Bengalaj Fabeloj L. Sinha | 1. |
| Colomba Merimée | 1.6 |
| Dormanto vekigas Wells bros. 2 s 6p. bind. | 4.6 |
| Dua rapsodio Szilagyi | 3. |
| Fanny Ferber bind. | 4.6 |
| Ea Fino Folke Bernadotte | 4.6 |
| Gaja Knabo Bjornsen | 1.9 |
| Gosta Berling :- S. Lagerlof bind. | 11. |
| La Granda Aventuro Szilagyi kart. | 10.6 |
| Hásse Z. Humora Novelaro | 3. |
| Infanoj en Betlehem S. Lagerlof | 1.3 |
| Johano kaj Silvo Betts (èUnua legolibro) | 1. |
| Karlo Privat | 1. |
| Knaboj de Paŭlo Strato Molnar | 1.6 |
| Kompatinda Klem Merchant | 1. |
| Kudlago la malgranda Eskimo : Hichtum | 1.2 |
| Londonanidoj Munns | 2.6 |
| Marteno Drake Norvay bind. | 4.6 |

# AFRIKA REVUO

Esperanto-gazeto por ciuj

## ANTAUPAROLO

Per tiu ci numero « LA VERDA FLAMO » eniras la 3-an jaron de sia ekzisto, kaj prezentas sin al siaj legantoj, malnovaj kaj novaj, vestita per sia jam konata pasinteco kaj nova nomo. Malgraù nia bona volo, gi ne povis gis nun esti presata pro mil kaj unu malhelpajoj, kiuj parte jam estas venkitaj. La novevestita LVF gvidos sian nomon kaj laboron per novaj vojoj.

Modesteta laù aspekto sed rica laù enhavo, gi estis ; gi deziras ciam kaj ciam perfektigi, por farigi inda je sia nomo. La bona volo de siaj kunlaborintoj, kiuj prizorgadis gin, per iloj, disponeblaj, aperigis gin regule ciumonate; hodiaù la modesta malaperas por doni lokon al pliperfekta, car presita, kun novaj projektoj por estonteco. La malfacilajoj estis multnombraj : manko de papero, de taùga inko, de materialo, de presej-laborantoj. Gi defendis sin per fido, bona volo, sincereco, kaj malgraù, ciuj malhelpajoj, gi havis la komprenon kaj simpation de siaj abonantoj, fidelaj.

Ni prezentas al vi cignidon, kiu deziras farigi bela cigno : la nova revuo klopodos placi al vi, unue. Gi klopodos kaj klopodegos interesigi vin, sekve. Fine, gi ambicias alporti al vi ion novan, restante en la kadroj de prudento. Ni esperas, ke niaj legantoj, sendos al ni iliajn sugestojn pri la enhavo, kiujn ili dezirus trovi en nia revuo. Multaj estas, kiuj deziras trovi novajn rubrikojn en nia revuo, pere de gi intersangi siajn opiniojn, ili deziras scii kiel oni vivas en aliaj landoj, kiel oni propagandas, ili deziras kompreni la psikologion de aliaj samideanoj. Ili deziras ekscii ion pri novaj libroj, pri filmoj esperante parolantaj, pri teatrajoj k.a. sciindajoj, kiuj venas al ili kun malfruigo kiel eho nur de tempo al tempo.

Cicion ni klopodos doni al vi. Ni klopodos intersangi inter niaj legantoj iliajn ideojn kaj alporti al ili cion, kio povus esti utila por ili en ilia propagando.

Ni prezentos ofte la konatajn nomojn sub artikoloj, sed vi trovos ankaù la nomojn, gis nune ne konataj al vi, sed indaj je via atento.

Tiuci, estas nia unua numero, laù nia nova projekto, de nia nova serio. Ni esperas, ke gi trovis vian plenan aprobon : ni estus tre felicaj ekscii tion per multnombraj leteroj, abonoj, konsiloj.

Karaj legantoj, vi estis niaj amikoj, ni esperas plifortigi ankoraù tiun senton en tiu jaro, kiu apenaù komencigas sub felicaj auspicoj por nia Revuo.

Ni esperas, ke gi placos al vi.

**LA REDAKCIO.**

NOTO. — Nigregaj literoj estas uzataj anstataù SUPERSIGNITAJ ! Ni esperas en la sekvanta numero jam presigi per supersignitaj literoj. Tion promesis nia presisto. (La Red).



## LA ANIMO DE « LA VERDA FLAMO »

La ekzistado de « La Verda Flamo » depost ĝia fondo (je la fino de 1944 jaro) estis propradire verko de nia fervora samideanino — s-ino Irène Fink — fondantino kaj ĝia ĝisnuna ĉef-redaktorino.

Nur dank'al ŝia pena kaj memforgesa laboro « La Verda Flamo » povis ne nur regule aperadi dum tiu ĉi tempo ; sed ankaŭ pliperfektiĝi kaj akiri aprobon enlande kaj eksterlande.

Maroka esperantistaro, kiu bone konas tiun multe meritintan samideaninon ankaŭ kiel gvidantinon de multnombraj perkorespondaj kaj klubaj kursoj, prezidantinon de M.E.A. depost ĝia fondiĝo, kaj de ĝia kazablanka sekcio (dum 1945 jaro), kiel lertan propagandistinon de Esperanto en maroka preso depost ŝia alveno al Maroko, esperas kiel mi mem, ke ŝi ankaŭ estonte restos diligento kunlaborantino de nia kara « AFRIKA REVUO ».

**Y. LEAL.**

# DUA PERIODO

Unu jarkvindeko, estas eble granda tempospaco en la vivo de unuopa homo, sed en evoluo de unu lingvo estas nenio, se ni scias el sociologio kaj lingvistiko, ke por la evoluo de la hodiaŭ ekzistantaj lingvoj estis bezonataj multaj dekmiloj da jaroj. Tamen jam en tiuj kvindek jaroj estas faritaj kaj solvitaj multaj aferoj kaj problemoj. Tiu unua periodo en la evoluo de la internacia lingvo estis karakterizata per grandaj penadoj kaj forta batalo de l'aŭtoro de Esperanto kaj liaj adeptoj kontraŭ la antaŭjugoj de iuj socitavoloj koncerne la « artefaritan » internacian lingvon. Tiu grandioza laboro rezul tigis plenan sukceson kaj venkon de la internacia lingvo, kiu venkis ciujn antaŭjugojn, disbatis dubojn kaj faligis nekredemon ce multaj. En tiu unua periodo estis sukcese solvita ankaŭ la organiza problemo de la movado kaj hodiaŭ ni havas fortajn internaciajn organizojn : neŭtralajn, katolikajn kaj aliajn fakajn. Esperanto estas disvastigita en la tuta mondo, en ciuj mondpartoj, ce ciuj popoloj, rasoj kaj klasoj.

Dum en la unua periodo multaj aferoj estis idealisme konceptitaj de unuaj pioniroj de la internacia lingvo, ne konsiderante sociajn fortojn, nun, la propagandon de la internacia lingvo oni komencis bazigi sur forta scienca fundamento. Sed ni devas fari unu novan pason antaŭen ! La dua periodo de la internacia lingvo devas estis periodo de l'enkonduko de Esperanto en la praktikon, en la ciutagan vivon. Kaj la ciutaga vivo disvolvigas tage en oficejoj kaj laborejoj, vespere en kulturaj, klerigaj societoj, en sindikatoj, en kinejoj, hejme ce radio, kun libroj beletristika kaj scienca en la mano ktp. Se ni analizas la staton de la movado en la lasta tempo, ni povas konstati, ke ni konstante progresas kaj havas novajn sukcesojn. Tamen la nombro de l'esperantistoj ne plialtigas en tioma grado, en kioma gi devus. La kaŭzo estas : multaj novaj simpatiantoj de nia afero ellernas Esperanton kaj poste forfalas de la movado, aŭ ni ricevas novajn entuziasmajn esperantistojn, sed malnovaj forigas aŭ malaktivigas.

Cu tiuj novaj esperantistoj, kiuj forfalas, ne estas neseriozaj homoj kaj Esperanto ne povas kontentigi ilin. Ne ! En la lasta tempo plej parte guste la plej seriozaj homoj lernas Esperanton. Do, signifas, ke ni ankoraŭ ne povas doni al la homoj, tion, kion, ili sercas, ke io mankas ankoraŭ ciam en nia movado, per kio ni kontentigus la homojn. Car guste ciuj homoj, kiuj defalas aŭ nur malaktivigas, aktivigas kaj multe laboras en aliaj diversaj kulturaj societoj. Signifas, ke ili tie trovis tion, kion ili ne trovis en nia movado. Signifas, ke ni ankoraŭ devas plialtniveligi nian laboron, doni al ili pli da valoraj nuntempaj beletristikaj, sciencaj verkoj kaj revuoj, en kiuj ili trovos interesan kaj seriozan materialon pri ciuj temoj. Ni devas doni al ili tion, kion ili sercas en aliaj societoj, aŭ se ni ne povas fari tion, ni devas agi laŭ la proverbo : Se ne volas la monto al Mohameto, Mohameto iros al la monto. Ni devas enpenetri per Esperanto en ciujn sferojn, en kiuj disvolvigas la vivo de l'moderna homo.

Se ni ne povas tuj kaj tute enpenetri en filmon kaj radion, en diversajn klubojn kaj societojn ni certe povas. Kiel ni imagas tion. Ekzemple ni provu enkonduki Esperanton en lernejon, poston, fervojon ktp. Aŭ pli facile, ekzistas diversaj internaciaj organizajoj : junulara movado, virina, laboristaj kaj oficistaj sindikatoj. Ili nepre bezonas Esperanton por siaj internaciaj rilatoj, precipe tiuj unuaj. Do, se ekzistas unu aŭ kelkaj esperantistoj en tiaj societoj, oni devus tuj organizi la liveradon de informoj kaj de alia interesa materialo pere de Esperanto. Estus bone fondi malgrandan sekcion aŭ neoficialan grupeton, kiu estus en la kontakto kun la tuta mondo kaj montrus, ke pere de Esperanto oni povas havigi tiajn diversajn interesajojn kiujn ali-

maniere ne estus eble kolekti. Ekzemple, por diversaj fakuloj, ingenieroj, kuracistoj, profesoroj, advokatoj k.a. ni devus havi bonan sciencan revuon, en kiu estus troveblaj artikoloj pri ĉiuj ĉi diversaj fakoj kaj temoj kiel jam estis proponite.

Okazas, ke en sindikatoj oni ne tro ŝatas Esperanton. Kulpaj estas ofte esperantistoj mem, Kia fakte guste ili povus multe helpi kaj servi al tiuj sindikatoj pro internacieco de siaj organizajoj. Tiam ili ne estos konsiderataj kiel stranguloj, kiuj nur admiras D-ron Zamenhof.

Ni ne fanfaronu pri la forto de niaj organizajoj, ni montru ilian forton en la praktiko ! Ni ne babilu pri nia alta nivelo, sed per niaj agoj ni pruvu ĝin. Sur pli alta nivelo ni estos, kiam ni havos pli da bona spirita nutro. Niaj esperantaj popolanoj fakte soifas je scio, ili sopiras je bona spirita nutro. Donu ni al ili tion, kion ili serĉas alie, kiam ili ne povas trovi ĉe ni ! Donu ni al ili pli da bonaj verkoj, revuoj kaj gazetoj, kaj tiam ili ne perdiĝos ! Ni ne parolu multe pri la praktika valoro kaj uzebleco de Esperanto, se ni ne povas poste ĉiam kaj ĉie pruvi tion ?

Ni devas treege atenti ankaŭ tiun internan idean flankon. Ni devas krom la bela ekstera formo doni al la homoj ankaŭ bonan enhavon, ĉar la homoj mem postulas tion Do, ni devas plenumi tiun ilian postulon ! Kaj oni devas tion ĉiam kaj ĉie akcentadi, centfoje, milfoje ! Ĉar se ni tiel agos, tiam tiuj novaj dekoj kaj centoj da miloj restos kun ni. Tiam la movado progresos ne en aritmetika, sed en geometria progreso. Ni devas esti realismaj idealistoj. Kaj la realo admonas nin, ke ni ĉesu kun nerealaj infanajoj !

Do, la unua jarkvideko de Esperanto estis periodo de idea batalo kontraŭ la homaj antaŭjuĝoj kaj diversaj baroj rilate la sintenon koncerne la « artefaritan » internacian lingvon. Ĝi signifas brilan venkon de Esperanto, kiu montriĝis plene vivkapabla.

Dua periodo devas estis jarkvindeko de la praktiko, la periodo de enkonduko de Esperanto en ĉiujn sferojn de la homa vivo. La unua periodo estis periodo de malkonstruismo, ĉar ni devis disbati diversajn barojn kaj nekredemon de la homoj. La dua periodo estu konstruiva ĉar ni apenaŭ nun povas komenci konstrui nian novan domon sur la sukcese farita fundamento. Do ni devas tuj transiri al la laboro, kaj saĝe labori, ĉar aliokaze povus ankaŭ tiu fundamento ruiniĝi.

La unua periodo estis brila. La dua periodo devas esti kaj estos same brila, sed nur se ni ĉiuj entuziasme laboros. Car ĉiuj fortoj estas bezonataj ! Kaj ĉu ni havas sufiĉe da novaj, freŝaj fortoj, multe da inteligentaj, entuziasmoplenaj kaj celkonsciaj fortoj ? Respondu vi mem al la demando kaj — ekagu ! Ni jam atendas vin !

(Eltirajo el La Suda Stelo) A.S.T.

## ĈU VI SCIAS ?... KE

— La 32-a Kongreso de Esperanto, okazos en 1947 en Bern (Svisujo), ĝin aliĝis jam centoj da samideanoj el multaj landoj...

— Internacia Esperanto Ligo, posedas, laŭ la lasta statistiko de la fino de oktobro 1946-13 342 membrojn, inter kiuj 255 estas membroj subtenantoj, 4245 abonantoj kaj 1127 « membroj-jarlibro » ...

— Ĉiu-tage okazas radio-disaŭdiĝoj en Esperanto pere de jenaj radio-stacioj : Wien II (Aŭstrujo) ; Praha (Ĉekoslovakujo) ; PRG2 (Brazilo) ; Stockholm (Svedujo) ; Warsawa (Polujo) ; Sofia (Bulgarujo) ; Moravska Ostrava (Ĉekoslovakujo) ; Wien I (Aŭstrujo) ; Bern (Svisujo) ; Hilversum Nederlando) : B.N.R.O. Kortriik (Belgujo) ; B.N.R.O. Brussel (Belgujo)...

— Ĉesiĝis sian aperadon lastatempe jenajn E.-gazetoj : Sudhungarlanda Stelo, Libera Tribuno (antaŭe : Per Unu Voĉo) kaj Global Thinking.

— Reaperis Heroldo, Praktiko, Nederlanda Esperantisto, Belga Esperantisto kaj Pola Esperantisto...

— Dum la milito oni eldonis kelkajn librojn en Dannlando...

— kelkaj marokanaj samideanoj deziras viziti Universalan Kongreson de E. en 1947 en Bern.

— Nia revuo aperas jam trian jaron kaj posedas abonantojn en multaj landoj.

## INTER VETERANOJ

Kara Samcelano !

Foje vi tre lacigas, ĉu ne ? Foje la batalado ŝajnas tro longa, preter viaj fortoj, la venko ankaŭ tro malproksima, ĉu ne ? Kaj tiam vi emas demeti vian armilaron, transdoni ĝin al iu juna pli nove alveninta, kaj vin retiri !

Kara fratbatalanto, mi havas bonegan konsilon por vi ! En tia malluma horo vin turnu al « Vivo de Zamenhof », al liaj kongresaj alparoladoj, kaj tie, kiel ĉe pura reviviga fonto, trinku ! Tiuj senpekaj agoj, tiuj belaj vortoj de genia sanktula karaktero refreŝigos vin. Denove, kiel antaŭe, vi estos konvinkita pri la nobleco, la sankteco de nia celo, denove vi komprenos la indecon de tio, kion ni faras por la homaro, kaj ekkriante : « Jes, ĝis la morto ! », rekuraĝigite vi reprenos viajn armilojn kaj rapidos al la plej antaŭa fronto de la batalolinio kie ankoraŭ nevenkita, flirtadas, esperigante, kondukante, la **verda standardo la stelo de la Espero !**

« Antaŭen la malnova gvardio ! »
(« El Verdavalo » nº 3).

## DENASKA ESPERANTISTARO

La plena celo de D.E. estas kreigi novajn generaciojn de laŭnaturaj Esperantistoj jam de naskiĝo, kiuj eniros la mondon, kiel vivantaj propagandiloj. Ni havis anojn en 12 landoj, post nur jaro kaj duono de efektiva funkciado.

Post malpli oldudek—du monata laboro, preskaŭ sen reklamo, kaj kun multe da postaj malfacilaĵoj, ni estas jam petitaj registri 147 infanojn el 21 landoj. Sendube Esperantujo estas bonakceptanta nian proponon !

Ni celas instigi gepatrojn, ke kiel eble plej frue post la naskiĝo, ili dediĉu la infan-(in)-on al nia movado, kaj eduku ĝin tiel, ke ĝi estu dulingvano enla hejmo de gia atingo se lingvokapableco. Por helpi al la infano kaj al la gepatroj, D.E. nomas (eble je rekomendo de la gepatroj) lokan Esperantist (in) on por rilati kun la infano kiel ONKl (in) o, — kvazaŭ baptpatr (in) e — kaj ĝin kuraĝigi.

Ĝi tiel edukiĝu en la hejmo, ke ĝi fariĝu modeste fiera pri lingvo, kiu estas parolata de noblanimaj kaj kleraj homoj tra la tuta mondo. Enirante lernejan vivon, la infano semos la ĝermon inter siaj gekunuloj kaj geinstruistoj.

Ni publikigados de tempo al tempo Bultenon por informi la gepatrojn kaj amuzi la gefilojn ; ni penos kiel eble plej efike interkonatigi niajn anojn ; laŭ niaj enspezoj ni publikigos libretojn utilajn por infanoj; kaj ni tutkore asociiĝos kun aliaj entreprenoj simile celantaj, por reciproka helpo.

## KOTIZOJ

Por ke neniu estu malhelpata de la kosto, ni fiksis minimumajn kotizojn (kaj ni bonvenigos ĉiujn) sed kiu pagas nur tian, tiu efektive ŝargas nian malgrandan kason, nur por necesaj postaĵoj. Do, kotizu, ni petas laŭ via bonkoro, eble du-tri jarojn kune. Por infano ĝis lernejaĝo, pagu minimume 1/2 svisan frankon, aŭ ses pencojn anglajn. Por pli aĝaj kaj Helpmembroj, pagu minimumee 1 svisan frankon, aŭ unu ŝilingon anglan. (Pageblaj senpere aŭ per respondkuponoj aŭ propralande neuzitaj poŝtmarkoj, precipe memoriĝaj : aŭ pere de la Ĉef-delegito aŭ Peranto de I.E.L., al la konto de D.E. ĉe IEL.

GEONKLOJ el ĉie en la mondo estas bonvenigataj. **Skribu poŝtkarte**

por informo. Prezidanto : S-ro Robert Robertson, F.B.E.A., 228 Alexandra Park Road, LONDON, N. 22 Anglujo, kiu korespondas pri demandoj kaj oficialaj aferoj. Sekretariino : S-ino G.P. Weston 27 Cecil Road, London, N. 10, kiu kondukas la funkciadon de la asocio.

PERANTO por Maroko : Sro B. S. Ohana, 1 rue de Kasba, Marrakech.

PENSOJ

Senkonscie vi estas partoprenanto de multa ago, kiun plenumas iu el viaj proksimuloj nur tial, car li ricevis efikan fortigon el via pensado. Nur tiamaniere estas plenmezure plenumata io, kio estis kasita en homo alia, kaj kio ekzistis nur en lia pensludado.

**Abd-ru-shin.**

# LA MAROKA VIRINO

Mi forgesos neniam mian unuan renkonton kun marokanino. Gi okazis sur la sipo dum mia vojago al Maroko en 1936. Mi estis ege scivola pri cio, kio estis marokdevena. Guste mi estis reironta al mia kajuto, kiam iu blanka stoivolvajo trovigis je distanco de kelkaj metroj antaù mi, kaj antaù ol mi havis la tempon alproksimigi kaj esplori la « aperajon » la stofajo malaperis en alian kajuton. La sekvanta renkontigo kun araba virino okazis en mia propra hejmo.

Ci-foje la marokanino surhavis vestajon nomatan **gilaba,** kiu anstataùas nian mantelon. Kiam si formetis tiun ci vestajon, kaj forlevis la vualon (kiu ciam kovras sian vizagon kiam si ne estas en sia hejmo), mi ekvidis la unuan fojon la vizagon tatuitan per indigo, poste la manplatojn pentritajn per rugo, aù pli guste, brikkoloro, kiel ankaù la piedojn. La tatuajo estas signo de beleco ; tial la marokaj virinoj havas tatuitajn ne nur la vizagon, sed ankaù manojn, kolon, mentonon, kaj ofte tutan korpon.

La marokanino estas verdire proprajo de viro, kiu acetas sin de sia patro, kaj eksedzigas laùvole. Plejparte li acetas, t.e. edzigas kun pluraj virinoj, alterne aù samtempe. La knabino ne vizitas lernejon ; si ricevas instruon de sia patrino. Treege malofte, kaj tio okazas nur ce riculoj, oni venigas hejmen instruiston (**taleb**) por instrui sin samtempe kiel siajn fratojn.

Maroka knabino ne eliras tutsole sur la strato. Generale la virino restas ciam hejme ; kiam si surstratigas si estas akompanata de kelkaj aliaj virinoj, kaj elhejmigas nur por iri al publika banejo, viziti parencojn, aù tombejon. Al tombejo si iras ciuvendrede, kie si vizitas la tombojn precipe de viraj parencoj.

Arto ne apartenas al la temoj, kiujn oni povas instrui al maroka fraùlino ; oni rakontas al si historietojn, proverbojn, kaj aktualajojn de la urbo. La muziko kaj kanto ne estas decaj por bonedukitulino. Oni edzinigas sin junage, kaj fiancinigas sin sen sia scio, t.e. ke sia patro promesas sin al tiu, kiu prezentigas. Jen modelo pri la preza marcandado :

« Ho, mia patro, kian doton vi deziras ke mi pagu por Aisa ? »

« Mia filo, Mohamed pagis cent dudek duroj por mia pli aga filino Hadus... »

« Mi supozis, ke estis nur cent dek ? »

« Cent dudek, mia infano ! Envere, estis ia suplemento, kiu ne estas citita en la akto . Mohamed certe forgesis tiun detalajon... aù eble estis lia lango kiu trompis lin ».

Mekki ridetas : « Tiel estu ; cent dudek duroj. Vi volas ja saman prezon por via dua filino ? »

La maljunulo siavice ridetas : « Cu vi volas insulti vin mem, ho, filo de Ahmed ben Taleb ? Kiel ? Vi vidis mian pli agan filinon, kaj vi ne trovas pli belan la plijunan ! Je la Tutpova, cu vi konfuzus safidon kun gazelo ? »

« Envere mia patro, nur tre rapide mi vidis la vizagon de via pli aga filino... ».

La maljuna Salah interrompas lin

* duro = kvin frankoj,

Vi mem diris 'la vizaĝon!' Sed la vizaĝo ne estas ĉio. Je kiom vi pritaksas la kapon de la plej bela dancistino fiksitan sur bastono? La resto devas ankaŭ esti konsiderata, mia filo, vi tion scias bone. Antaŭ kelkaj minutoj... »

per abrupta gesto : « Je Dio, je Dio! Mekki gravmiene demandas : « Indiku klare la prezon de via filino ».

« Kun personoj kiuj marĉandas mi ne volas trakti ».

« Ĉu mi marĉandas? »

« Vi havas tian intencaspekton ».

« Indiku vian prezon, ho, antaŭscianta maljunulo ».

« Ducent duroj ».

La vangoj de Mekki iomete paliĝis « Mia patro, kiam vi ne volas trakti kun marĉandemuloj, restu en paco; ke viaj aferoj prosperu malproksime de mi! »

Salah fine, per trankvila tono, faras simplan rimarkon : « Ducent duroj... kompreneble malpli rabato de dudekona parto laŭ la vendista kutimo, tio estas, cent naŭdek duroj ».

« Mi ne marĉandos plu kun vi, mia patro, kaj ofertas al vi cent kvardek duros por Aisa ».

Unu minuto forpasis.

« Mi vin diris cent okdek », respondas simple Salah.

« Do, cent kvardek kvin, kaj tio estas multe, certege ».

« Ne, lasta prezo : cent sepdek kvin! »

Mekki skuas la kapon, kaj returnas sin al sia ĉevalo.

« Je Dio », diras Salah, « cent sepdek, sed ne unu suon malpli, kaj tio dank' al memoro pri via patro ».

La juna viro residiĝas. Senvorte proponas cigaredon al la maljunulo. Ambaŭ fumas, unu reciproke rigardante la alian. Poste la diskuto rekomenciĝas, s e r i o z a, gentilmaniera, konfidencia... Post duona horo ambaŭ konkordiĝas : Aisa estas vendita je la prezo cent Kvindek duroj.

**Irène FINK.**

# MIA PANJO

**CASEMIRO DE ABREU**

De l'ĉarma patruj' malproksima, sopira,
Mi ploras kaj ĝemas per miaj vekantoj;
Mi gardas en koro la karan figuron
De l'amo plej sankta de veraj amantoj :
— Mia panjo! —

En horoj silentaj de l'noktoj someraj,
Kun vango en mano, tutsole sidanta,
Mi ploras kaj ĝemas pro kiu min nomis
La filo karega de l'koro amanta :
— Mia panjo! —
Sur lito, pendanta de branĉoj flor-plenaj,
Feliĉa infano mi kuŝe dormetis.
Ho, kiu ĉi tiun lulilon zorgeme,
Kantante lulkantojn, ĝojeĝe luletis?
— Mia panjo! —

En nokto, malfrue, dum mia dormado,
Mi sonĝis la songoja de l'landoj angelaj,
Kaj kiu lipetojn la miajn tuŝetis
Simile al sanktaj zefiroj ĉielaj?
— Mia panjo! —

Feliĉaj la filoj vivantaj kontente
Ĉe patra la hejmo kaj tie ĝuadas
Karesojn dolĉeĝajn de l'pura estajo,
De l'brila steleto nin kiu gvidadas :
— Mia panjo! —

Kaj tial nuntempe, en lando ekzila,
Kun vango en mano, tutsole sidanta,
Mi ĝemas, sopiras, pro kiu min nomis :
« Ho filo karega de l'koro amanta! »
— Mia panjo! —

**Elportugaligis : Nelson De Souza.**

---

Naturaj leĝoj estas kruelaj, nekompatemaj, senkoraj, same kiel la homoj predikantaj al la mondo la rajton de la plifortuloj, kio verdire estas nur perforto kaj senrajto. La leĝo detruas ĉion, kio malforta kaj ne plenkreska estas, sed la amo kaj la moralinstruoj arte superiĝis, por anstataŭi leĝojn naturajn.

**Tretenjak Davorin.**

## RADIO

Esperanto-Programoj de Praha (Ĉekoslovakujo).

| TAGO | HORO |
|---|---|
| Ĉiutage | 19,00—10,15 |
| Ĉiutage | 23,00—23,15 |
| Lunde kaj ĵaŭde | 23,50—24,00 |

ONDOJ
31; 41 m. kaj 1961 m.
49, 92 m.
470 m. Praha I.

La horindikoj estas laŭ la mezeŭropa tempo normala. Post nuligo de la vintra horsistemo ĉekoslovaka, la 23an de febr. 1947, la stacio Praha I. (470 m.) elsendos je unu horo pli frue, kaj dum la somera sezono (komencante vers. de la 7-a de apr.) je du horoj pli frue al ĝis nun ; sed la horoj de la mallongonda programo restos ankaŭ tiam sen ŝanĝo.

Bonvolu disvastigi inter viaj konatuloj. Konfirmoj pri aŭskultado tre petataj. Ĉekoslovaka Radio-stacio-Praha, Esperanto-fako. Praha XII, Stalinova, 12.

## « SUPERA ASTETO PRI LERNADO »

La 21-an de decembro 1946, en la Lyceo Mangin en Marrakech, submetis sin je ekzameno por akiri «Superan Ateston pri lernado». S-roj B.S. Ohana kaj H. Ohayon. Kiel honora prezidanto asistis s-ro Pasquine, liceestro, ekzamenis, s-ro Pinty, generala sekretario de M.E.A.

## LETERO EL FRANCUJO

Estimata Samideanino !

Mi sendas interesan travivaĵon, kiun mi mem spertis, kaj kiu dank'al nia kara lingvo, savis mian vivon kaj tiun de du aliuloj, inter kiuj unu estis ankaŭ esperantisto. Bedaŭrinde mi ne konis la nomon de Belgo. Eble poste li mortis kiel multaj ? La Algerianon mi renkontis en 1942 jaro kaj ĉi, ĵare hi mortis pro grava malsano laŭ sciigo de unu el liaj samlandanoj (eble pro sekvoj de milito ?)

Nune mi multe laboras por Esperanto gvidante kurson en « Amikaro de eks-lernantoj « de lernejo en kiu mi estas administracia konsilanto. La kurso posedas 40 lernantojn inter kiuj tri instruistojn kaj prezidanton de « La Amikaro ».

Mi legis vian artikolon « Kiel varbi kaj propagandi por Esperanto » kaj ĉi-kune mi alligas kelkajn adresojn, kiujn eble vi povis je peto sendi, al fervoraj samideanoj. Kaj jen la travivaĵo.

« La 21-an de majo 1940, mi troviĝis en urbo Aubigny-en-Artois (P.d. c.), Francujo. La soldatoj de la invada armeo alvenis en tiun urbeton, kiam ekvesperiĝis. La sekvantan matenon, ili arestis multajn civilulojn. Mi mem estis unu el tiuj arestitoj kun Algeriano kaj Belgo. Ni estis lokitaj apud muro, kie ni apogiĝis, la brakoj supren. La Belgo estis Esperantisto kaj mi mem iomete lernis Esperanton. Ni do interŝanĝis kelkajn vortojn. Subite germana gardstaranto proksimiĝis al ni kaj demandis nin Esperante

— Ĉu vi estas Esperantistoj ?

— Jes.

— Bone, mi provos helpi vin forkuri, ĉar la grupo estas elektita por esti mortpafita.

Poste li foriris. Eble unu horon post tiu interparolo, en la momento kiam la atento de ĉiuj arestitoj estis altirata al tio, ke unu arestito ĵus ricevis baton en femuron pro tio, ke li mallevis la brakojn, mi sentis min altirata malantaŭen.

Mi turnis la kapon kaj rekonis la germanan soldaton, kiu demetinte la kaskon faris signon al mi. Mi falis teren, imitata de Belgo kaj Algeriano, kiuj mem ankaŭ vidis la signon. Ni rampis ĝis malantaŭ la proksimaj domoj. Alveninte tien, post rapida manpremo, mi forkuris tra la kampoj.

Poste mi eksciis, ke 141 civiluloj estis mortpafitaj tiun tagon.

Dank'al Esperanto, mi kaj miaj du kamaradoj, estis savitaj.

Jen kial mi finlernis la lingvon kaj gvidas E.-kurson en mia urbo.

**A.J. BAYARD, Sallaumines.**

## RESULTATO DE NIA PRESERARA KONKURSO

Nian preseraran Konkurson, kiun ni anoncis en nia 6-a nº 1946, partoprenis 11 samideanoj. Ni havas la devon gratuli al tiuj diligentaj samideanoj, pro ilia persistemo kaj ni devas diri laborego. Estis vere malfacila laboro, noti ĉiujn preseraroj̄n, kiuj troviĝis en nia revuo. Plejofte estis la eraroj, kaŭzitaj de la entrepreno de hektografado, ĉar la « presistoj » ne estas esperantistoj, kaj por ni estis tute neeble korekti jam preparitan numeron.

Ĉar la nombro de preseraroj estas preskaŭ astronomia ! ni citos, nur nomojn de partoprenantoj, laŭ ilia laboro farita :

F-ino Koster F. Amsterdam.
S-ro P. Dupont, Paris.
S-ro H.J. Bachofner, Bolsward.
F-ino Y. Leal, Casablanca.
S-ro R. Milon, Brive.
S-ro S. Wollman, Argentino.
S-ro A. Rijk, Amsterdam.
S-ro R. Lemesle, Angers.
S-ro P. Rios, Rio-de-Janeiro.
S-ro Mc. Kay, Bowen.
S-ro F. Davis, Los Angelos.

La premion, kiu konsistas el bildkartoj reprezentantaj vidaĵojn de urboj en Maroko, ni sendas samtempe al f-ino F. Koster, kiu vere meritis la rekompencon por sia bona laboro.

**LA RED.**

✲ ✲

Kio okazis ? Kial vi estas tiel malbonhumora ?

Ho, granda malfeliĉo trafis min : forlasis min la edzino !

— Ah, min trafis pli granda malfeliĉo : ankaŭ min forlasis la edzino, sed post tri monatoj ŝi revenis !

✲ ✲

Kial vi eksedziĝis tiel rapide ? Ĉar mia edzino elspezis tro multe da mono ĉe sia kudristino.

Do ?

Do, mi edziĝis kun la kudristino !

✲ ✲

Ĉu vi jam renovigis la abonon por 1947 jaro ? se ne, pagu tuj je nia poŝtoĉekkonto 111.75 Rabat (Fink) aŭ al via ĝisnuna pagejo.

## PAROLU ESPERANTON EN E. SOCIETOJ

En la Esperanto-Klubo oni bedaŭrinde parolas la nacian lingvon. Esperanton oni uzas kutime nur kiam la Klubon vizitas eksterlanda samideano. Ĉu tiu faro ne pensigas vin, ke vi kondutas, kiel vendisto de radioaparatoj kiu hejme posedas nur malnovan gramofonon. Aŭ reprezentanto de aŭtomobiloj, kiu ne scipovas konduki ĝin li mem ?

Kompreneble, ke novaj adeptoj de nia lingvo, vizitinte vian kunvenejon miras, ke tiuj, kiuj propagandas Esperanton, uzas nacian lingvon. Konsekvence post du, tri, kvarfoja vizito, ili ne revenas plu.

La E.-kunvenoj okazas relative tro malofte ; en unu societejo oni kunvenas ĉiusemajne, en aliaj ĉiun duan dimanĉon en la monato, estas plejoftaj Kluboj en kiuj oni renkontiĝas nur unufoje en la monato. Kaj dum tiel maloftaj renkontiĝoj oni parolas... nacian lingvon.

Mi ofte estis demandita kiom da esperantistoj (t.e. homoj parolantaj flue Esperanton) ekzistas en la mondo. Laŭ mia scio, kiun mi ĉerpis el la statistiko malnova, farita ankoraŭ en 1926 jaro-7.000.000 da personoj aĉetis lernolibrojn depost la ekzisto de nia kara lingvo. Tamen, mi ne povas respondi, ke tia nombro da homoj en la mondo parolas flue Esperanton. Tamen estas vere, ke depost 60 jaroj, ni instruas Esp. en kursoj organizitaj de E. Asocioj, privatuloj, en lernejoj, kiel nedevigan objekton, enkondukis E. en kelkaj Radio-stacioj, en trafikon, ni faris internaciajn konferencojn ktp. ktp.

Se Esperanto ne venkis ankoraŭ, estas la kulpo de ni mem. Ni devas ŝanĝi niajn metodojn de propagando, ni devas provi konvinki la mondon, ke ni ekzistas, vivas, kaj speciale : uzadas la lingvon.

Estas multaj samideanoj, kiuj konas aliajn naciajn lingvojn krom sia.

Tiuj irinte eksterlandon, malgraŭ la kono de la landa idiomo, devas

paroli nur Esperanton. Enirinte hotelon, bankon, trafikoficejon, ĉu restaŭracion, ili postulu en Esperanto, ĉion kion ili deziras ricevi : informojn, ĉambron, manĝaĵon ; monŝanĝon. Nur tiel ni montros, ke Esperanto vivas, kaj deziras venki.

Ni volonte ricevus materialon pri, tiu temo por pridiskuti sur kolonoj de nia revuo, tiun tre gravan mankon en nia movado.

**Irène FINK.**

——o——

Verkisto Rimaĉano kaj lia kolego Poeziaĉulo sidas kune.

— Ĉu okupita ?

— Sufiĉe, respondas Poeziaĉulo.

— Kion vi verkas ? kontinuas Rimaĉano.

— Miajn rememoraĵojn.

— Ĉu vi baldaŭ atingos 1943 jaron ? Kial 1943 ?

— Nu, tiam mi pruntedonis al vi 5.000 frankojn, kiujn vi ĝis nun ne redonis al mi.

## RICEVITAJ GAZETOJ

**Denaska Esperantistaro** nº 3, hektografita bulteno prez. R. Robertson, 228 Alexandra Park Road, London-N 22, Anglujo.

STELETO ROSARIA nº 7, aperas en Argentino hektografita bulteno de loka grupo.

AUSTRIA ESPERANTO-REVUO Nº NOV.-DEC. 1946 WIEN I Neutorgasse 9.

Heroldo de Esperanto, 1 decembro 1946 Scheveningen, Nederlando, redaktoro Teo Jung, sendependa gazeto.

LA PROGRESANTO, Postbus 8002, AMSTERDAM Nº 12.

S Z A L A Y CIRKULERO, Budapest VIII, Eszperanto-ytca 39 nº 4.

ESPERANTISTA, Praga 47, redaktoro Dr. Stan. Kamaryt, nº 9 organo de ĉehoj.

ESPERANTISTO SLOVAKA, Zlina; Slovakio nº 3-6, redaktoro Arnost Vâna.

NEDERLANDA ESPERANTISTO, 6 Stadionkade Amsterdam-Zuid nº 11 ograno de Ned. E. Asocio « LA ESTONTO ESTAS NIA ».

« LA ESPERO » organo de Sveda E. Federacio Stockholm 19, nº 12.

ABONU kaj VARBU NOVAJN ABONANTOJN por la SOLA Esperanto gazeto en AFRIKO.

## NI DISTRU NIN !

Ni organizas enigmokonkurson nº 2. La konkurson povos partopreni, ĉiu leganto, kiu atingos minimume 10 poentoj.

Jen 3 premioj por 3 unuaj gajnintoj.

« La Vidvineto » romano, « Pensoj de Zamenhof », kaj « Johano kaj Silvio » facila legolibro.

——o——

La solvojn kun kupono oni povas sendi ĝis la fino de marto 1947 (Ni fiksas sufiĉe malproksiman daton, por povi partoprenigi ankaŭ transmarajn abonantojn).

——o——

## ENIGMO Nº 1

..Sangu ciferojn de tiu enigmo je literoj laŭ helpilo.

HELPILO :

2,5, 4, 13, 14, 9, 12,6 Okazintaĵo
15,2 3, 4, 13, 6, Bezonas ĉiu kudristino
7,2, 16, 4, 13, 6, Malĝojo
1,8, 14, 6, Kuseĵo.

1, 2, 3, 4, 5, 6, 3, 4, 7, 8, 9, 4, 10, 11 ; 4, 12, 2, 13, 14, 8, 10, 14, 6, 4, 10, 14, 2, 10, 15, 4, 12, 5, 6, 12, 2, 11, 12, 6, 11, 2, 16, 2, 13, 3, 6, 3, 4, 13, 8, 2, 8, 3, 4, 6.

## RESPONDO JE « SIMPLA PROBLEMO »

aperinta en 12-a nº 1946

Ĉar la princo naskiĝis la 29-an de februaro, li povis festi sian naskiĝon nur ĉiukvarjare. Tial li ricevis nur 36 : 4=9 memorkalikojn.

SOLVO DE LA KRUCVORTENIGMO aperinta en decembra nº de LVF 1946

**HORIZONTALE**

a2 Ripo ; a7 apud ; b2 Meringelo ; d2 Arko elno ; e5 ita ; f2 Nevralgio ; g1 ad ; g5 ilo ; h1 nizo ; h8 aloo ; j2 radiologo ; k2 kiom ; k7 ajlo.

**VERTIKALE**

1d on ; 1g an ; 2a RM ; 2d tondi ; 2j RK ; 3a ie ; 3j ai ; 4a pruo ; 4h ordo ; 5a oi ; 5e iri ; 5j la ; 6b nostalgio; 7a ag ; 7e alo ; 7j la ; 8a pera ; 8h avoj ; 9a ul ; 9j GL ; 10a do ; 10d krono ; 11d bo ; 11g do.

**KUPONO N-RO 1**
**por**
**II-a ENIGMO-KONKURSO**

## KARAJ LEGANTOJ

La leteroj kun laùdoj kaj alkuragigoj, venas ciutage kiel pluvo sur nian redakci-tablon. Sed car estas centoj, ni nur de tempo al tempo publikigas ekstrakton el kelkaj ; car alie nia revuo enhavus nur tion. Al cîuj amikoj de A.R. kaj alkuragigantoj, ni elkore kaj sincere dankas.

**LA RED.**

## VOCOJ DE LEGANTOJ

Mi ricevis gis nun ciujn numerojn de via revuo kaj mi estas tre kontento pro gia interesa enhavo.

Jam mi gojatendas la pluajn numerojn de la venonta jaro.

Samideane
**J. HUDSKY (Cekoslovakujo).**

——o——

Prosperan, bonsancan, felican Novjaron mi deziras al nia satata « LA VERDA FLAMO ». Mi klopodos abonigi miajn konatulojn, amikojn kaj korespondantojn al LVF kaj gratulas vin pro « novvestota » revuo. Jam scivolema mi estas kiel gi aspektos. Korajn salutojn kaj persistemon en la nova jaro. Hartman, Ned.

——o——

La 12-a n° de LVF. bone atingis min, gi estas kiel ciam leginda. Por la kuranta jaro, gi estos presita ! Tio estas grava kaj gojiga sciigo, precipe por marokanaj samideanoj. Ni povos fieri pri gi, car gi sukcese povos kunkonkurenci kun aliaj gazetoj.

Sincerajn salutojn de B.S. Ohana, Maroko.

## LETERO EL POLUJO

Karaj Samideanoj !

La 15-an de decembro 1946, la lodza geesperantistaro festis la tagon de E. libro en la salono de A.Z.W.M. en Lodz. Post la paroladoj en pola kaj Esperanta lingvoj de s-noj Jan Andrzejczak, Boleslaw Monkiewicz kaj ing. Leopoldo Temerson, okazis la artista parto de la festo : deklamis kaj kantis gimnazianinoj de lodza gimnazio « Z. Pętkowska » kiun bone preparis kaj gvidis s-ino Kaizer. La feston partoprenis multaj esperantistoj kaj gastoj. Ni faris ekspozicion de E.-gazetoj kaj libroj por la lodza publikó.

Kun samideanaj salutoj
J. Andrzejczak.

## MAROKA KRONIKO

**CASABLANCA.** — La 5-an de januaro 1947 okazos en Casablanca, Generala Kunveno de Esperanto. Laù statutoj, ciu sekcio rajtas sendi unu delegiton por 5 siaj membroj. La laborkunvenoj okazos en Sindikata domo, je 10 horo matene kaj sekvantan tagon je 18.30.

Jen la proponita tagordo :

— Salutoj de lokaj reprezentantoj.
— Himno.
— Tralego de protokolo pri 1945.
— Generala Kunveno.
— Morala raporto de Prezidantino.
— Morala raporta de kasistino.
— Raportoj de lokaj sekcioj.
— Raporto de kaskontrolistoj.
— Sango de statutoj.
— Elekto de nova C.K. por 1947.
— Diversajoj.

Ciuj delegitoj devas prezenti oficialan rajtigilon de sia sekcio.

La prelego devas okazi la 4-an de januaro en konata salonego « Palais des Conférences », gin prizorgas la komitato de loka sekcio. Estas projektata publika kurso en liceo.

**MARRAKECH.** — En Marakech okazis publika prelego, kiun prezidis licea direktoro s-ro Pasquine. Malgraù la bona propagando farita de lokaj samideanoj, nur 50 personoj ceestis tiun prelegon, inter kiuj estis 30 esperantistoj. Por povi fari tiun manifestacion, oni presigis 1200 flugfoliojn ; oni disdonis ilin en la urbo dum tri tagoj : en kafejoj, restoracioj, magazenoj, placoj. 50 estis afisitaj en la plejkonataj montrofenestroj en Medina kaj Gueliz. Du anoncoj aperis en la loka kroniko de « Petit Marocain ». Bedaùrinde la saman

tagon « Laboro kaj Turismo » prezentis iun filmon, kiu forprenis la aŭskultantaron. Ni faris ĉion kion ni povis. La publiko restas blinda kaj surda je niaj alvokoj. La afero ne praktike interesas la popolamason, cetere nek la tiel nomatajn klerulojn. Ĉio tio ne malkuraĝigis nin, ni daŭrigos laboron : la venko certe venos : la rezultato ne povas esti tuja ; iam la semoj ĝermos en la grundo kiun ni nun plugas. Pri la kursoj pro manko de sufiĉe nombraj lernantoj, ni devas prokrasti la malfermon ĝis la 11 de januaro.

**B. S. OHANA.**

**MEKNES.** — Unue mi parolos pri la kurso, kiun ni malfermis la 5-an de Novembro kun nur 5 lernantoj. Sed la dua leciono venigis 16 lernantojn, kiuj tre regule vizitas la kurson. Nune novaj kvar personoj enskribiĝis. Ni devas malfermi novan kurson.

Ĉiudimanĉe la plej lertaj samideanoj kunvenas en mia hejmo por konverzacii nur Esperante. Tie ĉi ni estas 7 personoj. En nia urbo, ni povas diri, ke la afero ĉiam kaj ĉiam progresas.

Ankaŭ denaskaj « esperantistoj » plinombriĝas, krom jam anoncitaj kvar membroj kaj laste naskiĝinta filo en mia familio alvenas al tiu rondeto fraŭlineto AGNES. Si naskiĝis la 6-an de decembro, en la verda familio de ge-anoj Ronda (Koran Bonvenon nova kunbatalantino ! La Red).

**R. COUVERT.**

## RECENZO

Fotografaĵoj kaj planoj pri rekonstruo de nederlanda urbo Roterdam. Eldonis : W. Borsje, Multatulistraat 29, Roterdam. Klarigoj en du lingvoj: Esperanto kaj nederlanda. pri pluaj sciiĝoj skribu al supra adreso.

JARLIBRO (II-a parto) de I. E. L. Enhavo : listo de delegitoj nove nomitaj. Fak-vortaro lega : aŭtoro Dro A/Mildwurf. La jarlibron ricevas sen pago ĉiuj aktivaj membroj de IEL.

VIVO DE ZOLA, de Aŭgusteno de Silva, el portugala tradukis M. de Freitas, eldonis : PORTUGALA ELDONA RONDO, Monte da Lapa 49-1 Porto. Prezo kun afranko 66. frankojn mendebla ĉe nia libro-servo.

« VIVO VOKAS » de Stellan Engholm, eldonis Literatura Klubo, Stelo-Libro. Ĝi estas kvara volumo de tiu Klubo. 180 paĝoj. Prezo 6.50 kr. sv. (ekskl. imposto) (recenzo sekvos).

En Francujo oni intencas eldoni portreton de nia Majstro en formato 40/50 cm. sur bona papero. Ĝi devas esti finpresita fine de januaro. Sendu mendojn al Esperanto-Oficejo : 2 rue de Vauquois, Orléans. Prezo afrankite : 120 frankojn.

«FEUILLETS ENCYCLOPEDIQUES»

pri Esperanto, eldonas L. Perret, 106, Cours Henry Lyon (Francujo) en franca lingvo. Ĝi estas tre bona eldonaĵo kaj multe helpos al francaj propagandistoj en ilia laboro.

## POR KOMENCANTOJ

**(Daŭrigo de 12 nº 1946)**

**MODERNA FABELO**

Estos plej bone se vi foriros.

La lupo ne volis dissiri la kapron, la kapro ne volis manĝi la arbeton kaj la arbeto ja ne lulis la etan birdon. Denove iris, iradis la eta, malĝaja birdo. Foje ĝi renkontis aŭtomobilon. Gentile ĝi diris al la aŭtomobilo :

— Kara, bonodora (bon-odora) Benzin-aparato, ektimigu la lupon !

La aŭtomobilo havis alian direkton. Ĝi ne volis ektimigi la lupon, la lupo ne volis dissiri la kapron, la kapro ne volis manĝi la arbeton kaj la arbeto ne volis luli la etan birdon.

La eta birdo estis tute melankolia. Ĝi iris, iradis, fine ĝi renkontis fajron.

— Fajro, bruligu la aŭtomobilon !

Certe vi kredas, ke mi estas freneza. La aŭtomobilo estas asekurita. Vane mi ne laboras, respondis la fajro.

La fajro ne volis bruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ne volis ektimigi la lupon, la lupo ne volis dissiri la kapron, la kapro ne volis mangi la arbeton kaj la arbeto ja ne volis luli la etan birdon.

Iris, iradis plore la eta birdo, foje gi renkontis akvon.

— Akvo, mi petas vin, estingu (malbruligu) la fajron.

Mi ne havas tempon mia kara, — diris milde la akvo — hodiaŭ mi havas tre multe da laboro. Nun mi devas iri al kontraŭalkohola kunsido. Eble morgaŭ. Gis revido, mia kara, gis revido !

La akvo ne volis estingi la fajron, la fajro ne volis bruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ne volis ektimigi la lupon, la lupo ne volis dissiri la kapron, la kapro ne volis mangi la arbeton kaj la arbeto ja ne lulis la etan, birdon.

Iris, iradis malgaje la eta birdo. Foje gi renkontis bankdirektoron.

— Tre Estimata sinjoro Bankdirektoro ! Patro de la malriculoj ! Trinku la akvon !

Akvon ! Absolute ne ! Mi estas tre okupita ! Cu vi komprenas, kio estas fajfilo ? Nu, fajfilo estas grava objekto, per kiu oni fajfas. La fajfilo havas gravajn partojn. Tre grava parto de la fajfilo estas la truo. Nu, mi nun organizas la fajfil-truo-eksporton al Hotentotlando. Mi ne havas tempon, bedaŭrinde. Kaj mi tre malofte trinkas akvon, prefere campanon. Cu vi ne havas alian aferon ? Gis revido, do gis revido, sinjoro. Eble alian fojon.

La Bankdirektoro ne volis trinki la akvon, la akvo ne volis estingi la fajron, la fajro ne volis bruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ne volis la lupon, la lupo ne volis dissiri la kapron, la kapro ne volis mangi la arbeton kaj la arbeto ne lulis la etan birdon.

Iris, iradis senespere la eta birdo. Fine gi renkontis tre belan modernan, simpatian, maldikan, junan sinjorinon :

— Belega sinjorino, mi petas vin, kisu la bankdirektoron.

— Cu li estas bela ?

— Ne, li estas malbela.

— Cu li estas juna ?

— Ne, li estas maljuna.

— Cu li havas longajn harojn ?

— Li absolute ne havas harojn.

— Cu li estas rica ?

Jes, jes, li estas ricega.

— Rica ? Ho, bone, mi kisos lin.

Kuris la eleganta sinjorino, kisis la bankdirektoron. Kuris la bankdirektoro por trinki la akvon, kuris la akvo por estingi la fajron, kuris la fajro por bruligi la aŭtomobilon, kuris la aŭtomobilo por timigi la lupon, kuris la lupo por dissiri la kapron, kuris la kapro por mangi la arbeton kaj la arbeto ja lulis la etan birdon.

Se la bankdirektoro ne estus rica, mia fabelo daŭrus pli longe.

**(El « La Celo »).**

**ABONU KAJ ABONIGU AFRIKA REVUON**

## CE LA SOJLO DE LA 60a JARO

En la 14a de Julio 1946 finigis la 59a jaro post la apero de la « Unua Libro » kaj komencigas la 60a jaro de nia paca batalado.

Rigardante malantaŭen ni konstatas, ke la unuaj pioniroj jam malaperis sed ilia penado konstruis ion nedetrueblan por la homaro. La movado neniam estis tiel vigla, tiel forta kiel nun. La saman fervoron de la unuaj batalantoj ni vidas en la junaj esperantistoj de la 60a jaro de nia movado.

Kiom da novaj projektoj, kiom da skismoj aperis dum tiuj jardekoj, sed neniu prosperis, dum Esperanto venkas ciujn barojn, ciujn malhelpojn. Du mondmilitoj sangis multajn konvinkojn, sancelis la homan civilizacion, sed ne hezitigis niajn samideanojn.

Ni trankvile eniras en la 60a jaron.

Tra la tuta mondo oni ricevas nun subskribojn por petskribo prezentota al la Organizajo de la Unuigitaj Nacioj. Eble post mallonga tempo la Registaroj enkondukos la instruadon de nia lingvo en la lernejojn de multaj landoj ; sed se la Registaroj nenion faros, ni daŭrigos senoese nian pa-

ciencan laboron, car ni scias, ke ankaù per nia privata laborado ni venkos la indiferentecon de la mondo.

La malfacilaj tempoj jam forpasis. Nun ni jam estas sufice multaj por eldoni niajn proprajn librojn kaj gazetojn ; sekve, iom post iom ni atingis staton de matura estajo, kiu perlaboras sian propran vivon. Tre baldaù Esperanto estos kultura lingvo pli forta ol multaj lingvoj de malgrandaj nacioj, kaj povos kun profito eldoni gravajn verkojn pri ciuj temoj por tutmonda disvendado. Kiam ni atingos tiun turnpunkton — kiam libroj en Esperanto vendigos pli ol en lingvoj de malgrandaj popoloj — nia celo estos trafita, car ni tiam posedos kulturlingvon sufice gravan por ke ciu inteligenta homo en la mondo devu lerni kaj uzi gin. Tiam ni povos atendi la Registarojn dum jarcentoj aù jarmiloj. Kaj tiu turnpunkto estas tre proksima. Gi estu nia unua celado !

(El O.B. Esperantista 97-99 n°).

## KIO ESTAS LA « PRINCIPO DE NECESO KAJ ŜUFICO » ?

La principon starigis de Saussure kaj gi estas oficiale akceptita de la Akademio, kiel « logika bazo de la vortfarado en Esperanto ». Gi tekstas jene :

**a)** Principo de neceso : en Konstruon de vorto oni devas enkonduki ciujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finajojn necesajn por elvoki klare kaj plene la ideon reprezentotan de tiu vorto ;

**b)** Principo de sufico : se la ideo tiamaniere esprimita estas jam bone kaj nekonfuzeble komprenata el la kunteksto sen iu el la sufiksoj uzita, tiu ci sufikso povas esti eljetata kiel neutila kaj nenecesa.

La esencon de la principo oni povas esprimi per la jena teksto.

En la konstruon de la vorto oni devas enkonduki ciujn vortradikojn, afiksojn kaj finojojn, kiuj necesas, sed ne pli ol kiom suficas por elvoki klare aj plene la ideon reprezentotan.

NOTO. — Por elvoki la ideon reprezentotan, oni povas, precipe en poezio, sin helpi per la kunteksto, inter certaj limoj, uzante la sencan elaston de la finajoj. Tiu elasteco tamen ne estes senfina. Ni vidu giajn limojn.

(Laù la « Plena Gramatiko » de K. Kolocsay-G. Waringhien).

(El « La Celo »).

## RIDU !

**Petro.** — Mi hodiaù batis Johanon, car antaù unu monato li nomis min hipopotamo.

**Ludoviko.** — Sed kial vi ne batis lin je la sama tago ?

**Petro.** — Kial ? Car nur hieraù mi povis iri al la Zoologia Gardeno.

* *

En restoracio iu individuo diras al sia najbaro :

Bonvolè donu al mi la salujon.
Ba ! Gin petu al la kelnero !

Ho Pardonu min, sinjoro, mi eraris. Cu vi pensis, ke mi estas kelnero ? Ne, mi pensis, ke vi estas bonmaniera homo.

### DU MENSOGEMULOJ INTERPAROLAS

— En mia lando estas rivero tiom plena je fisoj, ke se oni gin trairas, oni battusas ilin.

— Nu, en mia lando estas rivero tiom plena je fisoj, ke ne plu estas akvo...

Nederlando estas pura lando. Kaj precipe la virinoj meritas la nomon de puruloj. Sed ĉiu virto povas esti troigata kaj la fabelo montras kiel sipestro rekonstruas la normalan situacion. Mi ne deziras konsili alilandulojn per mia tradukajo, sekve mi antaŭe konsideras min malkulpa pro malbonaj rezultatoj.

## SIPESTO HILKO

## DE HEMMERO

Ŝipestro en Hemmero kiu ŝipveturis al la Mediteraneo, konstruigis por sia edzino belan dometon kun unu ĉambro en la proksimeco de la haveno por loĝi. Hilko esperis multe da mono. Kiam la viro estis for, la edzino beligis la ĉambron, ŝi frotpurigis, ŝmirgis la tutan tagon kaj iom post iom la ĉambro plenigis tiel kiel ovo. Apenaŭ ŝipestro Hilko estis hejmvemanta ŝi petis pri dua ĉambro por dormejo. Ankaŭ tio estis konstruigata kaj tie ŝi ne nur dormis sed ankaŭ ŝi loĝis tie por ne malpurigi la antaŭan ĉambron, la dormĉambro iom post iom plenigis kaj plibeligis. Tiel bela, tiel pura, ĝi estis, ke ŝi ofte matene ne ordigis la liton por ev-iti la levadon de polvo. Ŝi regretis ke ŝiu alia ol ŝi mem eniris kaj kiam ŝi iris en la antaŭan ĉambron ŝi detiris la pantoflojn staranta sur la mateto antaŭ la pordo. Mi opinias, tiel ŝi parolis al Hilko kiam tiu ĉi revenis el Kadiso, ni bezonas ankoraŭ trian ĉambreton ĉar dormado, kuirado kaj rostado malpurigas la aĵaron same kiel en porkejo. Hilko pagis volonte la elspezojn por tria ĉambreto. la ĉarpentisto estis mendata kaj tria ĉambro efektiviĝis. Hilko forveturis marton. Somere ŝi evitis la hejtadon kaj kuiradon kaj ŝi mem konstruis kabanon ĉe la kanalo malantaŭ la domo. Kaj tie ŝi manĝis kaj trinkis, kuiris kaj rostis kaj lavis kaj trifoje ĉiutage ŝi trairis la tri belajn paradĉambrojn kaj per multekosta hindia tuko ŝi frotetis la meblaron.

Hilko iris hejmen. Nun li devis loĝi en la kabano. Li diris nenion, sed la unuan dimanĉon li petis kamaradojn, ŝipulojn, kiuj kun iliaj ŝipoj estis en Hemmero veni al li por trinki glaseton da ponĉo je la deka matene. La edzino iris bele vestata kaj la biblo kun argentaj fermiloj en la manoj al la preĝejo. La kamaradoj trinkis kaj drinkis la varmegan ponĉon same kiel akvo estas trinkata. Unue ili plivigliĝis, poste sovaĝiĝis kaj fine ribeliĝis. Kiam glaso aŭ glaseto rompiĝis, tiam Hilko kriis : Tiel devas okazi, faru, la fabrikanto ankaŭ devas vivi. Ha, fine estis malordo kaj malpuraĵo ;la kurtenoj estis uzataj por iom purigi tion. Ŝipulo Haso, kiu pro senhareco portis perukon, metis tiun sur malplena botelo, pro tio sia kapo varmiĝis tro.

Sitseo la Tvelinga-ano drinkis tiom de la dolĉaĵo ke li kun felo ĉapo, botoj kaj palto enlitiĝis en la liton kaj post nelonge li ronkis tiel kiel porko. Tiam la mastrino venis el la preĝejo kaj miris kiam ŝi vidis ke la kurtenoj ne pendis malantaŭ la fenes-troj. Ŝi eniris en al domon kaj tiam ŝi paliĝis (tiel) kiel neĝo kaj ŝi mutiĝis pro furiozo. Sed kiam ŝi ekvidis la ebrian gaston kun la feloĉapo kaj la botoj en sia lito, tiam, dum la viraĉoj, kantis fortvoĉe. « Ho ŝipestro, ne batu nin ! » ŝi svenis. Hilko resaniĝis ŝin per tuko malsekigata per vinagro. Kiam ŝi plitrankviliĝis kaj post kiam maljuna helpantino iom ordoniĝis la domon. Hilko parolis al ŝi : Nun, Jeltse, tiel ni ne povas vivi kaj tamen devas okazi, kiam mi estas devigata vivi en la kabano. Ĉar tion, mi rifuzas obstine. Pro tio mi intencas interkonsenti kun vi. Ni loĝos en la unua ĉambro, ni dormos en la dua kaj ni kuiros kaj rostos en la tria, lavos kaj purigos. Tiel okazis kaj neniam Jeltse intencis loĝi en la kabano. Tiel spertas la sinjorinoj kiuj maluzas la plej bonajn ĉambrojn por vivi kun la infanoj en malgrandaj ĉambretoj.

**J. H. HALBERTSMA.**
**(Tradukita de H.J. Bachofner el la frislanda lingvo).**

# MOUVEMENT FRANÇAIS DE L'ABONDANCE
# MOVADO FRANCA DE ABUNDO

(Unua sekcio de Universala Movado de Abundo).

M.F.A. 47, rue Miromesnil, Paris 8e.

M.F.A. 12, rue Haxe, Marseille.

Unu Homaro, unu lingvo, unu ekonomio. La popoloj faros en konsento. Unu grandan rondon familian.

(L.L. Zamenhof).

**LA DOKTRINO DE ABUNDO CELAS**

1° KONSTATIGI

**a)** Ke la masinoj estas inventataj por fari la laboron de la homoj, ja pli da masinoj, des malpli da laboro por la homoj.

**b)** Ke estos ciam pli multe da masinoj car progreso neniam haltas.

**c)** Ke dum la paco stokoj putrigis aù oni detruis ilin.

Ke masinoj bremse funkciadis aù senmovigis.

Ke iuj homoj igis senlaboruloj dum aliuj laboragis.

**d)** Ke dum la milito oni detruis homojn kaj produktajojn.

Ke por fari malbonon oni nenian havas tro da masinoj, neniam tro da soldatoj, kaj **CIAM** SUFICE DA MONO.

2° KOMPRENIGI

**a)** Ke tio daùros tiel longe dum iuj posedas siajn masinojn al sia servo dum tiuj kiuj nenion posedas estas devigataj resti sen laboro.

**b)** Ke la unuaj ne povas esperi vendi al homoj kiuj ne havas la eblon aceti.

**c)** Ke tiel la tuta mondo dronas en mizeron kaj misardon malgraù ekzisto de rimedoj por krei sufice da ricajoj kaj certigi bonstaton al ciuj.

d) Ke la moderna produktado dank' al scienco SUPERAS la kapitalismon kaj MALEKVILIBRIGAS la Socion.

3° PREZENTI SOLVON

**a)** Masinoj kolektivigitaj devas SEN INTERROMPE -produkti por ciuj, la homoj devas alterne konduki ilin senhalte.

**b)** Ciu devas siavice plenumi SOCIAN SERVON en la produktado.

LA INTERNA IDEO de ZAMENHOF EFEKTIVIGEBLA per SOCIA DOKTRINO UNIVERSALA kaj KONFORMA AL HOMA EVOLUO.

CU NI CIUJ MORTU PRO NESCIO KIEL VIVI ?

Ni vivas en la plej bela momento, kiun la homaro antaùe konis, en la momento kiam ABUNDO eniras la Mondon.

Sed, car ni rompas subite kun dekoj da jarcentoj, dum kiuj ciaj utilajoj estis malabundaj, tial ni estas kvazaù stulte konsternitaj kaj sercas en la historio precedencojn, kiuj ja ne ekzistas.

Car teknikaj progresoj (Masinaro, Kemio) ebligas LIBERAN TEMPON samtempe kun ABUNDO, ne estas JUSTE, KE LA HOMOJ FALU EN LA MIZERON PRO MANKO DE LABORO.

« Tial, ke oni ne povas haltigi progreson, oni do tuj adaptigu al gi, ju pli frue despli bone, car la katastrofe okazos baldaù ». Tion skribis nia fondinto Jacques DUBOIN en la jaro 1934.

Intertempe LA KATASTROFO jam okazis. Gi sukcesis grandparte sed ankoraù ne tute ruinigi la homan kulturon. Sed jam minacas nova KATASTROFO : LA ATOMBOMBA MILITO kiu eventuale forvisos la hemaron for de la terglobo.

Sufice da krimoj. POR EVITI TIUN NOVAN KATASTROFON, homoj de l'tuto mondo unuigu ! UNUIGI DISTRIBUI aù PEREI !

Vi lacigis pri vanaj politikaj promesoj ; vi deziras, ke la vortoj « SENLABORECO, MIZERO, MILITO » estu por ciam forstrekitaj de vortaro de la civilizitaj popoloj.

Vi, kies sola aspiro estas vivi laborante en fratece unuigita mondo.

PETU DOKUMENTOJN pri la Doktrino de DISTRIBUA EKONOMIO.

ESPERANTISTOJ, HELPU NIN STARIGI EN CIUJ LANDOJ SEKCION DE POTENCA UNIVERSALA MOVADO POR ABUNDO, kies interkomprenilo estas nia lingvo.

Tyn/n. VLT. M. Strana 227, dez. kor. k. inters. PM.

DANUJO. S-ro A. Moesgaard Larsen, Sekeborgvej 34, Herning, dez. kor. kun filatelistoj.

BELGUJO. F-ino Jeanne Closset, Font. de Leva, Theux. Prov. Liege, dez. kor. kun E.-istoj en Maroko.

FINNLANDO. S-ro Aappo Kurrikka, Kalmari, dez. kor. kcl. per IP. kaj letero inters. librojn.

HUNGARUJO. S-ro Marton Lajos, Bànya-u. 2 Budapest X. statoficisto 25-jara, dez. kor kun filatelistoj).

MAROKO. F-ino 1) Suzanne Ouazana, Marrakech, 14-16 rue. des Ecoles, dez. kor. kcl.

2) S-ro E. Baron, 1 rue de l'Eglise, kor. Casablanca.

3) F-ino Renée Elbaz, Marrakech, 42, rue Touareg-Berrima, dez. kor.

4) S-ro J. Acien-Atencia, 4 rue de Constantine (Ferme Blanche), Casablanca, dez. kor.

NEDERLANDO. S-ro G. Van Geemen, Schipholduk 224 A. Rijk (Haarlmeer) dez. kor.

PORTUGALUJO. Rugero Ludoviko Alves Torgo, 61 1. Lisboa, dez. kor. k. inters. PI.

RUMANUJO. S-ro Mihu Dragomir, Str. Rahova 258, Braila, por sia rondo.

NORVEGUJO. S-ro Alfred Melbue, Bergengt. 20, Oslo, dez. inters. PM. k. libr.

JUGOSLAVUJO. S-ro Vajdlich Zosip ; ul. Nezmane Junakinje, 1/III Zagreb dez. kor. kun elektrikistoj.

EIDE (Irlando) S-ro James Mac Goris, Dublin Greenlawn, Stillorgan RD. dez. kor. kaj intero. PM.

SVEDUJO. S-ro Carl Seger, Formansgatan 3 A. Motala. Verkstad, dez. inters. PM. kaj leterojn bele afrankitajn.

CINUJO. S-ro Chang Chen Chio nº 1 Li-Zen-Han. Ching Hong-Street Kumning Yonnan, doktoro. Dez. kor. pri la profesio kcl.

USONO. S-ro Nicola Koparasneff, 838 Marizosa, Avenue Hollywood, 27, California, dez. kor. kun c. 1.

SVEDUJO. S-ro Sven Stolz, Siljansnas dez. kor. inters. PI. Respondo garantiata.

## LA VIVO VOKAS
de Stellan Engholm

interesa romano, mendebla ce nia libro-servo.
Prezo 194 fr.

## PAROLAS LA LEGANTO

Mi alte satàs vian Laboron. Sen vi kaj aliaj similaj entuziasmuloj, kiuj estas la kapo kaj motoro de la tuta Movado, la Afero velkus kaj mortus. Multan dankon por la jaro de interesa kaj amuza legado. Via laboro certe multe helpis en la restarigo de Esperanto. Ciam kreskanta sukceso rekompencu vin.

**Tom FRASER** (Skotlando).

## KORESPONDU

**Publikigo de anonco pri korespondo** ; kostas 3 internaciaj postaj respond-kuponoj por du-linia anonco, ciu plua linio 1 int. resp.-kup. **Por abonantoj la publikigo de anonceto pri korespondo estas senpaga.**

MALLONGIGOJ dez. deziras. F-ino : fraülino inters. intersangas. Kcl. kun ciuj landoj. Pot. pri ciu temo. PI. postkartoj ilustritaj. PM. postmarkoj. S-ino sinjorino. S-ro Sinjoro.

ANGLUJO. S-ino Brenda Delgado, Ratcliffe Culey, Atherstone, Warwicks, Kor.

ARGENTINO. E. Garcia, Bulnes 757, Buenos Aires. dez. kor. per PI. kaj PM.

AUSTRALIO. S-ro Dulcie Lowe 35, Lazcelles St. Coburg. Victoria, dez. kor.

ANGOLA. S-ro Antonio Francisko Pires, « Diamang » Dundo (Lunda), dez. kor. pri arto kaj literaturo.

AUSTRUJO. S-ro Hans Bronec, Wien III. Baumg. 32,25 Stg. 11/8, dez. kor.

BULGARUJO. S-ro St. Georgiev, Str. St. St. Georgiev. Str. St. Karag nº 4 Sevlievo, dez. kor. kcl.

CEKOSLOVAKUJO. F-ino Z. Ciperova,

(daŭrigo de la 2 pago) LIBROJ aĉeteblaj ĉe A.R.—libro-servo.

Monumento de Carlo Burlet Braga c.p 1.6
La Nekonata Kônato Boatman bind. 5.
Murdo en la orienta ekspreso : Christie 1.6
Naiveco de Pastro Brown Chesterton bind. 4.6
Okazas Nenio ! Hougaard 2.
Palaco de Dangero Wagnalls
Perfido de Jong bind. 7.
Petrolo U. Sinclair bind. volumo 1 kaj vol. 2 po. 4.6
Pinokjo Collodi bros. 2 s. 6 p. bind. 4.6
Por Recenzo : Sturmer bind. 1.6
Princino de Marso Burrouhgs 1.6
Princino kaj Betty Wodehouse 1.6
Printempo en Aŭtuno Baghy 2.6
Progresado kaj la pasinteco Wates bind. 3.6
Pro Istar Luyken bind. 8.
Proverbaro Esperanta Zamenhof 1.6
Rica kaj sen mono Oppenheim bind. 4.6
Rido sanigas Georgiev 8.
Ringo de Generalo : Lagerlof 3.
Romano pri Afrika Bieno Schreiner 2.6
Sep Vangofrapoj Aszlany 3.
Sur Sanga Tero : Baghy 3.9
Sveda Antologio bind. 15.
Synnoove Solbakken Bjornson 2.
Teatra Korbo Baghy 1.6
Tempo Masino Lando de la Blinduloj Wells 1.6
Tipoj kaj Aspektoj de Brazilo belege ilustrita ; bind. 13.6
Tra Sovaga Kamĉatko Bergman 7.6
Tri Angloj alilande Merchant 1.
Tria Rapsodio Syiagyi 3.
Undino Schreiner bind. 4.6
Verdaj Donkiĥotoj : Baghy; bind. (kun subskribo de aŭtoro) 6.
La Verda Koro Baghy (nova prezo) 3.
Veterano Braga bind. 2.6
Victoria Hamsun 2.3
La Vidvineto : de Alencar 1.6
La Vojo Returne Remarque bind. 4.6
Amo per Proverboj Azevzdo 8.
La Botistoj Kivi 1.
Dialogoj kaj Komedietoj Dahl -10
Diverskolora Bukedeto Lorenz bros. 1 s. 9 p. bind.
Eterna Sopiro : Olsvanger
La Fianĉigo : Lea Kivi
Hamleto Sekspir
Miniaturoj Nash bind. [illegible]
Romeo kaj Julieto : Seks[illegible] 4.6
La Biblio. Bele bindita [illegible].
Bhagavad-Gitâ. Lorenz 2.
Islamo Esperantiste Evans 9.

s. p.

Pasko Martinus 4.6
Vivo de nia Sinj[illegible]o Dickens bind. 6.
De Tutmonda P[illegible]to al Tutmonda Fr[illegible] Wates bind. 3.6
Homaj Ra[illegible]a Mondo Nordenstr[illegible]s. 4..6
Insigno[illegible] A. 1.3
Glu[illegible] 8
Fla[illegible] t[illegible]biciklo 2.1

KANTOJ

E[illegible] Kantkolekto Vink 8.
La E[illegible]o Menil (Kun muziko) 4.
La [illegible]o : Zamenhof (Kun muziko) 2.

La Gelernantoj de s-ro A. Bayard. [illegible]aliamines (P.d.c.) 12 rue de Neufchatel, Francujo, dez. kor. perletere aŭ P. kc.l. n.epre respondos.

## GRAVA PETO

Niaj abonantoj, kiuj ankoraŭ ne pagis ilian kotizon por 1947, estas petataj fari tion tuj, ĉar tio faciligos al ni multe la laboron.

Tiuj, kiuj povas, estas petataj sendi la abonkotizon per papermono en la letero aŭ per internaciaj postaj resp.-kuponoj, je nia adreso.

Niaj abonantoj en Francujo pagû je nia postĉekkonto Fink, 111.75 Rabat.

La tuja pago ebligos al ni regule aperigi nian revuon presite kaj se ĉiu nia gisnuna abonanto varbus nur unu novan abonanton, tio ebligus al ni bele ilustradi A.R.-on.

Se pro iuj kaŭzoj, vi ne povas reaboni A.R.-on, ni insiŝte petas, bv.re sendi tiun numeron, ĉar pro manko de papero, gi povos utili por alia abonanto. Antaŭdankon.

Imp. du Centre Casablanca Visa censure Nº 9026